Kajeroj el la Sudo



BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)

Sidejo: Strato Sol, 75. E-41003-SEVILLA (Hispanio).

Prezidanto: Manuel López Hernández
Apartado 369. 41080-SEVILLA (Hispanio).
***
Sekretario: Alberto Franco Ramirez
Sol, 83/85. 41003-SEVILLA.(Hispanio)
***
Kasisto: Ramon Manau Torres
Montseny, 5.-piso. 08208-SABADELL (Barcelona) Hispanio.

Redaktoroj de la bulteno:

Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe, 27/29.9º.C.
50002-ZARAGOZA. (Hispanio)
***
Miguel Fernández Martin
C/Santa Genoveva, 58. 6º. C.
28017-MADRID.- (Hispanio)

ENHAVO:



NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

Kovrilo: Bildo de la Universala Ekspozicio-92 en SEVILJO.



# HALE en Merido

Miakape, nur homoj kaj ordinaraj lokoj. Ne eblis al mi en Merido, la hispana-romia urbo, muzeumi. Nek japaneske foti la glorajn ruinojn. Nek, avida je historio -usonaneske-, palpadi la jarcento-plenajn kolonfustojn por kunporti hejmen ties fridon. Eĉ ne viziti la renoman romian teatron. Tia vojaĝanto!

Miakape, nur homoj kaj ordinaraj lokoj. Merido, tamen, naskis en mi bonajn vibrojn. Ne la Merido monumenta -mi insistas-, majesta kaj eterna -stereotipa- sur la paĝoj de turismaj broŝuroj. Tia ja restas en mi nekonata, kvankam proksima, fascina, malkovrota... La Merido en mia kapo surprizis min nur pro sia simplo. Envolvis min ĝia taga lumo, ĝia nokta mildo kaj la aromo el mi ne scias kia arbo apud mia pensiono. Pluse, la etoso en ĝia strato John Lennon. La regno de la meridaj modernuloj. Svarmo da junaj nokt-amantoj kaj rozario da drinkejoj kaj dancejoj. Dancejoj, ho, Pilar! Kiel ni amuziĝis dancante rok-muzikon laŭ la paŝoj kaj pozoj propraj al niaj sevilaj dancoj! Surrealisme!

Nur kelkaj ordinaraj lokoj: strato John Lennon, Placo de Hispanio, la Kongresejo... sen ajna turista intereso, sed jam historiaj miakore.

Kaj la homoj...

Ne magra nombro da gejunuloj donis al nia afero la koloron, kiun ĝi ne havis pasintjare. Endas lerni el la sperto. Oni ofertis al ili, krom senpagaj tranoktadoj kaj matenmanĝoj, programerojn laŭajn al ilia gusto. Ĉi-kuntekste ludis "Solo", Eduardo Vargas. Li prezentis temojn el sia ĵus lanĉita kasedo, Ili estas nur kanzonoj. Dum la ludado, laŭtaktaj manplaŭdoj. Aplaŭdoj ĉe la fino.

Homoj, plejparte el Iberio -kvankam ne mankis s-anoj el Pollando, Italio, Germanio, Maŭricio...-, amase partoprenintaj la aranĝojn de unu el la kulture plej densaj, diversaj

*kaj altnivelaj hispanaj kongresoj.*

*Prelegoj. Pri Donkiĥoto. Pri internacia juro. Pri originala E-beletro... Sur ĉi lasta tereno brilis propralume kaj ĉarmis du junaj valoroj de nia nuntempa literaturo. Nek pli nek malpli ol la hispano Georgo Kamaĉo kaj la portugalo Gonçalo Neves. Du prelegoj indaj je antologio. Kaj enormaj dozoj da talento. Dinamika kaj sprita ĉe Kamaĉo; serena kaj eleganta ĉe Neves.*

*Publika debato pri la monda lingva problemo. Tie staris -kaj elstaris- Antonio Alonso, la HEF-prezidanto. Fronte al li, katedruloj kaj profesoroj pri lingvistiko. Kiel science, eksterkliŝe kaj konvinke Alonso argumentis por esperanto!*

*La prezidanto de Portugala Esperanto-Asocio, Miguel Faria, envultis nin per du prezentoj. Unu, neatendita. Skeĉaro liapluma -inĝenia-, kiun trupo da junegaj roluletoj priaktoris. Komika-verve. Korkarese. La alia...Ho, la alia! Popola muziko. Popola poezio. La popolo! Kion mi ne donus por, kree, almenaŭ tanĝi ties senartifikan sentprofundon! La portugala popolo posedas plej delikatan instrumenton por rekta kor-aliro, por elverŝo de sia animo. La faduon! Kaj ni ĝuis faduojn. Velurajn, perfekte modulitajn voĉojn kaj sentive plektritajn kordojn. Tekstojn en esperanto -en kantado far Miguel Faria mem- kaj en la dolĉa portugala lingvo -en kantado far pluraj solistoj kun diverstembraj voĉnuancoj-. Kavalirece impresa -ĉiu, en nigra pelerino, impona-, la fadu-ensemblo igis nin, portugalojn kaj hispanojn, sensi la emocion el la saúdado, kunsenti nian iberecon.*

*Miaflanke, ĝojo kaj dankemo. Nia lirika-muzika spektaklo, La profil' de viaj spuroj, plaĉis al la publiko. Ties entuziasma ovacio surloke kaj multnombraj esprimoj de gratulo, nin trafintaj post la kongreso, animas nin pli persiste kaj arde enprofundiĝi en nian proponon: liberigi la poezion de la libro-prizonoj. Pedro Vilarroig, la komponisto de la muziko, kaj mi, la aŭtoro de la tekstoj, kaptas ĉi okazon por danki ĉiujn pro ties afableco kaj stimulo.*

*Homoj engaĝiĝintaj: ni, HALE-anoj. Tamen disrevige malabundaj ĉi-kongrese. Ni kunsidis malmultnombre, haste, sub premo de horloĝo. Krizo. En nia asocio kaj en nia gazeto.*

**ROMIA TEATRO.-**

Konstruita sur monteto en la jaro15-16 aK Ĝi estis donaco al la urbo fare de Agripa, bofilo de la imperiestro Aŭgusto. Tie elstaras la scenejo konstruita pli poste, en la 2-a Jarcento pK.- borderita de bela dukorpa korintika kolonaro verkita de helenaj artistoj. Aliaj du gravaj partoj estas la orkestro - duoncirkla spaco por la koruso kaj dancantoj - kaj la sidŝtuparo, provizanta lokon al 5000 spektantoj.



*HALE, ni agnosku, ne funkcias. Kaj ne pro manko de membroj, sed de aktivuloj. Niaj kompetentuloj sufokiĝas en montoj da multflankaj farendaĵoj, kiuj obstrukcas ilian sindediĉon al nia afero: esperantumi en laboristaj medioj kaj laboristumi ĉe esperantistoj. Jen nia dorno. Tion spite, kiomfoje mi min demandas, ĉu valoras la penon subteni plue nian organizon, mi aŭdas ene de mi la saman respondon: valoras! Eĉ se nur pro "KAJEROJ", kies krizo alispecas. La organo de HALE ja kontentige plenumadas sian celon: roli kiel libera tribuno por progresemaj esperantistoj. Sed la plej granda -se ne diri la tuta- pezo de nia gazeto falas sur la ŝultrojn de k-do Marco. Mia kontribuado, tempo-manke, minimumas.*

*Ci-cirkonstance oni sugestis al la sevilaj kamaradoj transpreni la redaktorajn taskojn por unu jaro. Ne eblas al ili. Ankaŭ ili trovas sin superŝarĝitaj de laboro. Fine, "KAJEROJ" restos plue en la samaj redaktoraj manoj. Sub la flegado diligenta, fervora kaj preskaŭ ekskluziva de k-do Marco.*

*En ĉi momento de la historio; en ĉi epoko de ĝeneralaj defetismo kaj demoraliziĝo en la vicoj maldekstrulaj; kiam oni distamburas la morton ne de la aĉa stalinismo, sed eĉ de la plej belaj sociaj idealoj, kaj prikrias radike putran varon,la kapitalismon, kvazaŭ la solan eblan modelon de justa soci-ordo; kiam plej nepras al ni, progresemuloj, enpenetri nian esencon kaj lerni el niaj eraroj kaj debati laŭ novaj skemoj...; en ĉi ĝusta nuno, la ekzisto de liberdefendaj esprimiloj -eĉ tiel modestaj kiel "KAJEROJ"- devus plenigi nin de ĝojo,prajmi nian spiriton, nin sproni al vigla kunlaborado...*

*Homoj, fine, beletr-amaj. Kiom multaj, diferencaj, altkvalitaj! Georgo Kamaĉo, Liven Dek, Gonçalo Neves, Abel Montagut, Antonio Valén... La tri unuaj kaj mi kune profilis*

*jam de longe revatan projekton. Opan verkon. Kolektivan poemkolekton verŝajne prezentotan venontjare kadre de la UK en Valencio. Kun Abel Montagut mi parolis pri poezio. Pri lia "Poemo de Utnoa". Superba. Grandioza. Epokfara. Sendube unu el la plej gravaj esperantaĵoj lastatempaj. Kun Antonio Valén, fakulo pri esperanta beletristiko, mi konversis pri kundividata pasio: literaturo. Trinkante kruĉon post kruĉo da biero. Lasante niajn rigardojn fiksiĝi sur la sorĉaj okuloj de la meridaninoj, laŭiri ties bele tornitajn konturojn...*

*Tiele forflugis mia tempo. Matene en la antaŭlasta kongrestago, ĝuste kiam miaj kompanoj pretigis sin por viziti la urbon, mi devis reveni Madriden. Postrestis nevidita - eble somnola stare en la sino de la nuna Merido- la romia Emerita Augusta. Historio kaj arto tiel de mi ŝatataj. Miakape, nur homoj kaj ordinaraj lokoj. Ciukaze, plenkonsente kun aserto anonima, mi preferas vivi unu tagon sur la Tero, ol cent jarojn sur la Historio.*

*Miguel Fernández*

***** ********** *****

# Repliko al la artikolo pri Juan Negrin

Reage al la artikolo aperinta en "KAJEROJ-14" pri la "Lasta ĉefministro de la 2-a Hispana Respubliko", ni ricevis leteron de Yves Peyraut kun peto pri publikigo, kies teksto jenas:

"En la 14-a numero de "Kajeroj el la Sudo" mi legis kun surprizo la artikolon dediĉitan al Juan Negrín, la lasta ĉefministro de la Dua Hispana Respubliko. Kvankam vi indikas, ke "mi ne intencas detale verki pri la kapableco kaj agado de Negrín dum la intercivitana hispana milito, ĉar multajn librojn jam oni verkis pri la temo, kelkajn favorajn, aliajn malfavorajn, ktp." la artikolo de Amador Diaz estas tre, tro modera. Vi prezentas Negrín kiel modestan, kapablan, senambician homon, kiu provis fari sian devon -eble li posedis kelkajn el tiuj kvalitoj-. Sed la plej grava afero estas lia sinteno kiel ĉefministro. Kaj pri tio estis milfoje pruvite,




ke li estis la marioneto inter la manoj de la hispana komunista partio, kiu preferis, laŭ la ordonoj de Stalin, perfidi la Respublikon, ĉar la revolucio estis ne stalinista sed anarkiista. Oni povas trovi ĉiujn detalojn pri tiuj asertoj minimume en tri libroj:

"La granda perfido" de Jesus Hernández (komunista eksministro).
"La révolution espagnole" de Burnett Bolloten (usona ĵurnalisto).
"Les comunistes contre la révolution espagnole" de Julian Gorkin (aktivulo de la partio P.O.U.M.).

En tiu lasta libro Gorkin plenlume montras, ke Negrín estis fakte senskrupula kaj ambicia. Mi, kompreneble, ne vivis tiun epokon, sed laŭ mi ĝi estis unu el la plej gravaj momentoj de la 20-a jarcento. Pri ĝi ni devas, ni rajtas esti komplete informitaj kaj ne ripeti la misinformojn lanĉitajn ĉu de la komunista partio, ĉu de la "legitima" registaro, ĉu de la frankismo.

La hispana revolucio (la sola sociala revolucio kiu iam ekzistis, diris Bolloten) meritas esti konata en ĉiuj siaj aspektoj".

Yves Peyraut

<u>Noto de la Redakcio.-</u>

La Redakcio de "Kajeroj el la Sudo" bedaŭras la tonon pontifikan de la letero de k-do Peyraut pri la artikolo de k-do Amador Diaz aperinta en "Kajeroj" numero 14 rilate la lastan ĉefministron de la Respubliko, Juan Negrín. Efektive, niaj legantoj meritas, rajtas esti korekte informitaj pri "unu el la plej gravaj momentoj de la 20-a jarcento", kiel prave diras k-do Peyraut, kio, fakte, tute ne signifas, ke nur li rajtas opinii pri la temo, aŭ ke ni disvastigas misinformojn.

Amador Diaz estas, niaopinie, demokrato, kaj per la citita artikolo esprimas sian opinion, kiu, kvankam ne estas

ĝuste la nia, meritas esti konata kaj respekteme akceptata. Temas do ne pri misinformo sed pri opinio, kaj, tial, same kredinda ol tiuj libroj bombaste menciitaj de k-do Peyraut, aŭ minimume kiel lia propra opinio, kiun ni ankaŭ respektas.

Sajnas neevitebla, ke k-do Peyraut verku por la legantoj de "Kajeroj" almenaŭ du artikolojn: unu (responde al tiu de k-do Diaz Eleizalde) pri Juan Negrín, pruvante per solidaj argumentoj, ke Negrín perfidis la Duan Hispanan Respublikon. Alian, pri la karaktero de tiu citita revolucio dum la hispana intercivitana milito, verŝajne la nura iam ekzistinta, laŭ opinio de fakulo.

Ni invitas la prezidanton de SAT verki unuafoje por "Kajeroj". Li devus tion fari, ne nur kiel sekvon de sia letero hodiaŭ publikigita, sed ankaŭ ĉar, post kvar jaroj da seninterrompa aperado de nia revuo, neniam iu ajn komitatano de SAT kunlaboris kun ni aŭ helpetis nin subteni iamaniere la bultenon. Fakte, oni ignoris nin en la numero 67 de Avenuo Gambetta, kvankam ni ĉiam malavare sendis nian revuon al tiu sidejo.

Ni do esperas vian kunlaboradon, amiko Peyraut... Antaŭdankon!

La Redakcio.

**** ********** *****

# Recenza angulo

L. Trifonĉovski, "MANUSKRIPTOJ POR BRULIGO", Sofio, Pres-Esperanto, 1992.

Jen apenaŭa kajereto (32 paĝoj, iom pli ol DIN-A 5) tralegebla en duonhoro kun enhavo iom pelmela: oni ricevas la impreson, kvazaŭ amiko transdonus por via pritakso siajn elcerbigaĵojn de, ni diru, la lasta semajno.

La libreto komenciĝas per balado (11 paĝoj), kies folklorecaj trajtoj sugestas muzikon milfoje ludatan (luno, cervo, cervino, ĉasistoj kaj -kompreneble- amo kaj morto) laŭ karakteriza ripetiĝemo:" Ciun nokton, ĉiun tagon/ estis mi kun ŝi./ De mateno ĝis mateno/ estis ŝi ĉe mi"; sed (la ĉasistoj)



serĉis, serĉas/ serĉos".;"Tutan tagon-/ ĝis vespero,/ dum vespero,/ dum la tago,/ dum la nokto." Ĝi principe plaĉas, belas, sed oni devus vidi ties surscenejan prezentadon por pli ĝuste (kaj juste) juĝi.

La ceteraj pecoj -poemetoj, penseroj kaj scenar-priskribo same kurtas kiel platas, kvankam laŭ la enkonduko, ili devus havi "la ĉarmon de efemero"... Nu, fojfoje rimarkeblas sparketoj, sed verdire temas pri nuraj anekdotoj kun la pretendo esti poezio aŭ poemoj en prozo. Aŭ eble mi nenion komprenis.

Kompense, la kvin-paĝa "Du kokidoj kvereladis -pupteatraĵo por la plej etaj infanoj (kial "aldone"?)- ravas per ĉarmo senpera: la dialogo inter Buntvostulo kaj Plumriĉulo vere "kokidecas", la admonoj de onklo Kokoko vere "kokecas"; abundas redirajoj por ritmigi la infanecan parolmanieron de ambaŭ etuloj. |la rezulto plene ĝojigas ne nur la plej etajn infanojn, sed ja ankaŭ la plenkreskulojn. Kial la aŭtoro ne verkis tutan kajeron da tiaj, anstataŭ provi proz-poezii?

Antonio Valén

*****          **********          *****

# Deziras korespondadi...

S-ro Lebedev Sergej Jurevic, Bobur str. 67-10-13.SU-700090,TASKENT.Uzbekistan avia inĝeniero, 35-jara, deziras korespondadi pri diversaj temoj.

26-jara arbara teknikisto, kiu ŝatas librojn, muzikon kaj filmojn, deziras korespondadi kun hispanaj geesperantistoj. Adreso: Alvaro Raul Valdés; La Caoba. Manacas. Villa Clara. 54510-CUBA.

Pola inĝeniero deziras korespondi kun hispanaj gesamideanoj pri la nuna socia vivo en Hispanio. Adreso: Jeray Michalski. ul.Poatowa 9. 26-660 Jedlinsk. Pollando.



# BONVOLU RIDI... SED NE TRO!

**Konversacio inter amikoj.**

Du amikoj konversacias pri strangaj okazaĵoj spertitaj de ĉiu el ili, kaj unu rakontas:

—Imagu, amiko mia, la pasintan semajnon mi iris al la hipodromo por vidi vetkurojn. Subite mi vidis moneron surtere kaj kiam mi kliniĝis por preni ĝin, homo terure furioza saltis sur mian dorson kaj samtempe kun frenezaj krioj instigis min kuri kaj kuri...

—Ho kurioza situacio!—, diris la amiko. —Kaj kion vi faris?—

—Bone, mi faris kion mi povis, galopis kaj galopis, ĝis mi atingis la kvaran pozicion!

Oni ne povas diri, ke la bona homo ne estis pli ol komprenema! Ĉu ne?

**Ĉu bona komenco?.**

Mortkondamnito montriĝas tre babilema, kiam li iras al eŝafodo, kaj kun ĝentila tono diras al siaj akompanantoj:

—Ĉu ne estas bela tago hodiaŭ, sinjoroj?— Kiu tago estas hodiaŭ?

Ambaŭ akompanantoj seke respondas:

—Lundo!

La mortkondamnito senzorge afable:

—Ĉu lundo?. Nu, ĉu oni povas diri, ke la semajno bone komenciĝas?

Sendube al la malfeliĉulo tute ne mankis bona humuro!

**Racia plorado.**

Antaŭ la tomboŝtono de bopatrino viro ploras senkonsole. Amiko, kiu bone konis la malbonajn rilatojn inter la forpasinta virino kaj la bofilo, demandas al li:

—Nu, kial vi priploras ŝin tiom abunde kaj redunde?

—Tute klare, amiko mia, mi dankas ŝin pro la ĝentileco de ŝia forpaso, kompreneble, sciante, ke ŝi neniam revenos!

**En teatro.**

Homo malriĉe vestita sidas sur apogseĝo en la partero de teatro. La lokmontristo alproksimiĝas al li kaj ĝentile lin demandas:

—Sinjoro, ĉu vi bonvolas montri al mi vian bileton?

—Jes, vidu sinjoro— diras la bona homo.

La lokmontristo rigardas ĝin kaj indikas:

—Vi ne estas en via sidloko, sinjoro, vi devas iri al la tria etaĝo.

—Jes, jes, mi scias, sed... mi estas falinta!— diris la malfeliĉulo.

**Brila kariero de juna kuracisto!.**

Mizerulo ne manĝinta dum pluraj tagoj trairas straton. Subite li haltas, ŝanceliĝas kaj fine falas surteren. Promenantoj kompate alproksimiĝas ĉirkaŭ la malfeliĉulo sveninta pro malsato. Junulo venas kaj kun aŭtoritato preskaŭ ordonas:

—Permesu al mi, mi estas kuracisto!

Respekteme ĉiuj lasas lokon al la juna kuracisto, kiu, post atenta esplorado, sentence diagnozas:

—Efektive, temas pri misdigesto, terura misdigesto!

La sveninto malfermetas la okulojn, kaj per voĉo apenaŭ aŭdebla ironie susuras:

—Brila kariero, juna kuracisto! Ho jes, brila kariero!

*Maria Fernanda*

---

*N-ro 0006, aperas dusemajne*

**Eventoj**

Redakcia adreso: Budapest, pk. 87. H-1675, Hungario
Telefono kaj telefakso: (+36-1) 1288-258

*Internacia Sendependa Revuo pri la Esperanto-Movado* — *majo (2) - '92*

## Nova esperantista gazeto

Antaŭ kelkaj semajnoj aperis dusemajna esperantista gazeto "EVENTOJ". Temas ja pri tre interesa kaj apoginda entrepreno, por kiu oni akceptas internaciajn kunlaborantojn. Multfaceta informado. Aliĝoj: "EVENTOJ"-Lingvo Studio.-H-1675 Budapest, pk. 87.Hungario.

Hispana peranto: Juan Azcuénaga / General Dávila, 127, p. 7, 2° izda. / 39007 Santander / Banko-konto ĉe Caja Postal n-ro 03548531.



# "FARTI"
# LA UNUA TABU-VORTO EN ESPERANTO

## Kiel Zamenhof evitis tabu-vorton.

Lastatempe estis publikigitaj kelkaj artikoloj kaj broŝuroj pri tabuvortoj en Esperanto, sed ankoraŭ ne aperis definitiva studaĵo profunde analizanta la fenomenon en Esperanto ne nur laŭ lingva vidpunkto sed ankaŭ en la kadro de la sociologio kaj kulturhistorio de la Esperanto-lingvokomunumo. Estas necese esplori la influon de la kutimo de vort-tabuado sur la formado de vortoj en Esperanto fare de d-ro Zamenhof kaj ankaŭ tabuadon de Esperantaj vortoj okazigitan de esperantistoj parolantaj lingvojn ne konatajn al Zamenhof.

Ekzemplo de tabuado ĉe Zamenhof estas lia elekto de la vortformo "kurba" surbaze de la franca etimo *courbe*, anstataŭ la pli internacia "kurva", kiun apogas latina *curvus*, itala, hispana kaj portugala *curvo*, germana *Kurve* kaj angla *curve*. Zamenhof evitis la vortformon kun "v", ĉar *kurwa* (w= "v") en la pola lingvo kaj *kurva* en aliaj slavaj lingvoj signifas malĉastulinon, ĉiesulinon. Tamen, en la reformprojekto de 1894 Zamenhof akceptis la internacian vortformon "kurva".

## Komento pri la silabo"fik"en "Etimologia Vortaro de Esperanto.

En "Etimologia Vortaro de Esperanto" (EVE) Ebbe Vilborg, la kompilinto, tuŝas la temon de tabuado rilate elekton de etnolingvaj morfemoj. Uzante kiel ekzemplon la vorton "figo", kiu enhavas la literon "g" anstataŭ "k" de la latina etimo *ficus*, li klarigas, ke "Zamenhof ne uzis la L originformon, *probable ĉar la modernaj lingvoj preskaŭ unuanime montras -g-* (krome formo kun -k- povus kunporti obscenajn asociojn, kp. G *ficken* = Esperanto *fik/i* PIV)". Tamen, pluraj vortoj kun la silabo "fik" restas en Esperanto sen modifado: "artifiko", "efiki", "kvalifiki", "mistifiki" ks.

## Etimologio de "farti".

Nesciante sufiĉe bone la anglan lingvon, Zamenhof ne konstatis, kiam li enkondukis la vortformon "farti", ke ĝi fariĝos tabu-vorto por angla-lingvuloj ekde la naskiĝo de la lingvo. Oni ofte diskutis pri ĝia deveno, kaj d-ro Vilborg komentas, ke ĝi estas "sen evidenta etimologio"; tamen li citas kelkajn proponojn klarigi ĝian formon kaj signifon. Louis Bastien en sia "Naŭlingva Etimologia Leksikono" mencias A *farewell* "adiaŭ" (propradire "fartu bone") kaj ankaŭ la distance parencajn F *se porter* "farti" kaj I *portarsi* "konduti" (ambaŭ propradire "sin porti"), por havi eblon klarigi la ekziston de "t" en "farti".

D-ro Vilborg proponas serĉi klarigon de la formo "farti" en la dua elemento de A *welfare* kaj speciale G *Wohlfahrt* "bonfarto, bonstato".

Estas evidente, ke la morfemo *fare* en la anglaj vortoj *farewell* kaj *welfare* ne povis esti uzata de Zamenhof por formi Esperantan verbon, ĉar "fari" jam ekzistis en la lingvo kun sia propra signifo. Nur la dua parto de G *Wohlfahrt* povas klarigi la uzon de "t".

**Kial "farti" estas tabu-vorto en Anglalingvujo.**

En la artikolo pri "farti" en "Etimologia Vortaro de Esperanto" mankas klarigo, ke en la angla lingvo la verbo *fart* signifas "furzi", kaj pro tio, parolantoj de tiu lingvo pro honto ne emas uzi la Esperantan verbon "farti". Ne estas sciate, kiam Zamenhof informiĝis pri tio. Jam en la reformprojekto de 1894 li proponis, ke estu uzata la esprimo *kvale esten vue stato?* anstataŭ "kiel vi fartas?", sed unu el la trajtoj de tiu reformprojekto estis la elimino de ĝermandevenaj vortoj en la leksiko de Esperanto. En 1906 kaj 1907 li eksperimentis per la verboj "valtudi" ( de L *valetudo* "sanstato") kaj "stati", sed ili neniam enradikiĝis.

En 1907 Zamenhof pritraktis "farti" en lingva respondo publikigita en "The British Esperantist". Jen la teksto.

**Pri "farti".**

Ĉar la vorto "farti" estas tre malagrabla por la anglaj oreloj, tial ni konsilas, ke anstataŭ ĝi ni uzadu (precipe en Anglujo) la vorton "stati", kiu troviĝas en la Universala Vortaro kaj povas tute bone anstataŭi la malagrablan vorton. Ekzemple: "Kiel vi statas" (anstataŭ "Kiel vi fartas"). En okazo kiam la senco povas esti ne tute klara, oni povas ankaŭ uzi la pli precizan vorton "sanstati".

Rimarku, ke Zamenhof ne informas, kial parolantoj de la angla lingvo trovas "farti" malagrabla vorto. Dum la sekvaj okdek kvin jaroj nek "stati" nek "sanstati" enradikiĝis en la lingvo de angleparolantaj esperantistoj, kiuj hardis siajn orelojn kaj kutimiĝis uzi "farti" same kiel aliaj esperantistoj, do ĝi ne plu estas tabu-vorto.

**Ankoraŭ unu tabu-vorto: "peti".**

Antaŭ pluraj jardekoj franclingvaj esperantistoj reagis sammaniere kontraŭ la verbo "peti", kiu estis malagrabla por *iliaj* oreloj, ĉar ĝi tre similas al la franca verbo *péter*. Same kiel la angla *fart*, ankaŭ ĝi signifas furzi. La tiutempa propono anstataŭigi "peti" per la verbo "rogi" ne havis sukceson.

**Kiel solvi la problemon de tabu-vortoj?**

Kion fari pri Esperantaj vortoj, kiuj estas malagrablaj por parolantoj de tiuj lingvoj havantaj similsonajn tabu-vortojn? De tempo al tempo venas propono, ke la Esperanta vorto estu forigita, ĉar ĝi ofendas. Tio estas erara pensmaniero, ĉar efektive, ne la Esperanta vorto sed la etnoligva vorto kulpas. Oni, do, faru la ŝanĝojn en la lingvoj kun tiaj vortoj.

*Bernard Golden*

---

# LIRIKAJ PAĜOJ.



<u>datreveno</u>

ligas nin ambaŭo paŝa
tra dek-pli jarlongoj pulsaj
mi memoras bone
    kiam vi kerubis grizan
        tiamon mian
        sterilon mian
        somnolon mian
    kaj elsorĉis min cis limojn knabajn
    tra puberoj kaj konkeroj
    super dupaj niaj pioj
    kontraŭ zorgoj transbigotaj
    spite timon kaj naivon

    kiam ni kunpalpe amblis
        labirinton de inicoj
    kaj lanugoj iĝis viloj
    niaj voloj venis valojn
        kie sinkas fiinstinktoj
        por dronigo de ĉi kerno
            sturma roda kaj feroca
            el heredo praspecia

    kaj fine homis ni ĉi-rite
    prognoze semon nunan
        pluon nian
        ĉe ekvibro viaventra
        por espero aŭ despero

Salnevo




**"Manifesto de la Komunista Partio" de Marx kaj Engels.**
Tradukis Detlev Blanke.

La "Eldonejo Progreso", de Moskvo, dediĉita dum kelkaj jardekoj al la eldonado -en ĉiuj lingvoj- de la verkoj de la marksismaj teoriistoj, publikigis en la jaro 1990, unuafoje en Esperanto, la verkon "Manifesto de la Komunista Partio", fundamentan dokumenton de la komunista literaturo.

Kiel sciate, tiu Manifesto estis verkita de Karlo Marks kaj Frederiko Engels laŭkomisie de kongreso de la Ligo de Komunistoj en 1847, cele al starigo de teoria kaj politika programo de la partio. Post tiu dato, ĉi tiu manifesto, multfoje eldonita kaj tradukita al multaj lingvoj, fariĝis baza kaj klasika dokumento de ĉiuj komunistaj organizaĵoj fonditaj en la diversaj landoj.

La kerna ideo de tiu dokumento estas, ke en ĉiu historia epoko la reganta ekonomio kaj ties formoj de produktado kaj interŝanĝado, samkiel ties neeviteble rezultanta socia strukturiĝo, formas la fundamenton, sur kiu konstruiĝas la politika kaj la intelekta historio de tiu epoko, kaj kiu estas klarigebla nur surbaze de tiu fundamento; ke, sekve, la tuta historio de la homaro estis disvolviĝado de klasbatalo, de batalado inter la ekspluatantaj kaj la ekspluatataj klasoj; ke la historio de tiu klasbatalo formas evoluo-procezon, en kiu, fine, oni alvenas al iu punkto, kie la ekspluatata kaj subpremata klaso - la proletaro- ne povas atingi sian liberiĝon sen samtempe unu fojon por ĉiam liberigi la tutan homaron malaperigante ĉiujn klaso-diferencojn, ĉiujn formojn de ekspluatado de la homo far la homo.

La eldonado en Esperanto nun recenzata estas altkvalita presaĵo, fajne tradukita kaj bele ilustrita. Ĝi enhavas ankaŭ la tekston de antaŭparoloj subskribitaj de K.Marks kaj F.Engels por la diverslandaj eldonaĵoj publikigitaj dum la vivo de tiuj aŭtoroj.

La nuna eldonado de la "Manifesto", de la soveta eldonejo "Progreso", venas al niaj manoj, kiam jam ne plu ekzistas Sovetio kaj eble ankaŭ ne la eldonejo "Progreso" mem; kiam fiaskis granda parto el la komunistaj reĝimoj, kies teoria bazo estis tiu Manifesto kaj la ceteraj verkoj de Marks, Engels kaj ties sekvintoj; kiam -ne unuafoje- la ofensivo de la kapitalistaj fortoj endanĝerigas kaj volas nuligi ĉiujn atingaĵojn, ĉiujn progresojn kaj ĉiujn

konkeraĵojn de la batalanta laboristklaso; fine, kiam la propagandistoj de la kapitalisma sistemo kaj la burĝa potenco volas enkonduki en la menson de ĉiuj homoj la ideon, ke fiaskis por ĉiam la praktika konstruado de komunista socio, pro tio ke la komunista idealo estas nerealigebla utopio.

En ĉi cirkonstancoj ne povas manki en mia recenzo pri "La Komunista Manifesto", mia opinio pri la aktualeco kaj taŭgeco por la nuna epoko de la marksistaj teorioj. La kapitalismo, ĉefe en ties imperiisma formo, daŭre estas la precipa baro por la atingo de la veraj: libereco, egaleco kaj frateco inter la homoj. La proletaro daŭre estas la sola klaso, kiun koncernas la titana tasko liberigi sin mem liberigante la tutan homaron. Kaj tio postulas klarigi la koncepton "proletaro". La propagandaj medioj de la kapitalista sistemo penas konvinki la popolamasojn, tiel en la ĉiama kapitalista mondo, kiel en la ĝis nun socialistaj landoj, ke la koncepto "proletaro" ne taŭgas por difini konkretan hodiaŭanhomtipon, ke ĝi estas ne-ĝusta termino por pritrakti la realaĵon de la nuntempa laboristaro. Milionoj da laboristoj en la tuta mondo estas trompitaj de tiu propagando, kiu konvinkis ilin, ke ili estas kvazaŭ mezklasaj civitanoj, kiujn interesas ŝanĝi nenion en la socio. Milionoj da homoj en la eks-socialistaj landoj de Orienta Eŭropo troviĝas ankoraŭ sub la halucino kreita de tiu propagando, kiu igis ilin kredi, ke ĉiuj povas fariĝi burĝaj posedantoj, se ili konsentas sistemon de libera merkato, privata propraĵo kaj kapitalista ekonomio. Sed la realaĵo estas obstina kaj elrevigan kaj ĝi montras ke spit' al ĉiuj allogiloj de la burĝa sistemo, plejparto el la homoj estas destinitaj al la malfeliĉa situacio de "proletoj". Konkrete, proleto estas ĉiu homo, kiu posedas sian laborforton kiel la solan vivrimedon. Tiu, kiu ricevas nek renton el kapitalo nek renton el tero, kaj dependas nur de la vendado de sia labor-kapablo, estas enkadrigita, ĉu li tion scias aŭ ne, en la granda amaso de la proletaro. En tiu kolektivo troviĝas de la senlaboraj mizeruloj de Peruo kaj Maroko ĝis la profesiaj laboristoj kaj intelektuloj kun relative altaj salajroj de la alte industriigitaj landoj. La homoj de ambaŭ ekstremaj situacioj estas pli facile interŝanĝeblaj, ol ili supozas. Eĉ la plej bone pagita el tiuj profesiuloj povas en ĉiu ajn momento, pro la krizoj kaj skuiĝoj de la senracia kapitalista sistemo, fariĝi almozulo. La intereso de ĉiuj proletoj estas konstrui racian ekonomian sistemon, la komunismon, kiu garantiu ĉies vivrimedojn.



Tiu tasko estas la intereso de la tuta proletaro, sed en la realo, malfeliĉe, ĝi ne estas la alvokiĝo de la tuta proletaro. Laŭ Marks, la finfina venko de la principoj fiksitaj en "La Manifesto" venos nur el la intelekta evoluo de la

proletaro. La eventoj kaj sortoŝanĝoj en la batalo kontraŭ la kapitalo, pli la malvenkoj ol la venkoj, montros al la batalantoj la nesufiĉecon de iliaj ĝisnunaj rimedoj, kaj malfermos iliajn mensojn al pli profunda kompreno de la veraj kondiĉoj por la proletara liberiĝo. Nun ni travivas malvenkan periodon, el kiu oni devas eltiri instruon. La marksisma verkaro, al kiu apartenas "La Komunista Manifesto", konvene aplikita al la specifaj kaj konkretaj situacioj de ĉiu tempo, loko kaj cirkonstancoj, estas efika ilo por tiu intelekta evoluo de la proletaro, kiun la homa liberiĝo postulas. Kiam milionoj da personoj estas submetitaj al ekspluatado, mizero, malsato, perforto, senespero...por ke aliaj homoj ĝuu altan komforton kaj konsumnivelon, daŭre ankoraŭ trairos la mondon la fantomo de la Komunismo.

Faustino Castaño Vallina

Havebla ĉe Librejo Luis Serrano Pérez; Font Nova, 32.- 08202 SABADELL (Hispanio)

---

# LA MOVADO EN IBERIO



Urbestro,du belulinoj kaj KAE-Prezidanto.

ESPERANTISTA RENDEVUO.

Okazis la Dua Esperantista Rendevuo en Vila-rodona la 7-an de Junio. Prelegis M.Gerrero, A.Casquero, L. Serrano, S.Aragay kaj M.Gutierrez. Oni inaŭguris straton kun la nomo Esperanto.

La Rendevuo estis vere - sukcesa kaj la partoprenantoj fine ekskursis al la Monaĥejo Santes Creus.

***** ***** *****

KONGRESO EN CALLOSA DE SEGURA. La 27-a kaj 28a de Junio okazis la IIIa Kongreso de la Valencia-Murcia Esperantista Federacio en tiu ĉi urbo. Specialan omaĝon oni dediĉis al la veterano Francisco Zaragoza Ruiz. Prelegis samideano Augusto Casquero, profesoro pri eduksciencoj kaj ankaŭ la katedra profesorino pri Internacia Juro de la Universitato de Valladolid Mª Rafaela Urueña. Oni eldonis verkon pri la Movado-historio de Callosa de Segura, verkita de nia k-do A.Marco Botella.

Nia k-do Francisco Zaragoza Ruiz aliĝis al SAT en la jaro 1933 kaj partoprenis en la SAT-Kongreso okazinta en Valencio en 1934.



# Ekologio en la sevilja Ekspo-92

Unu el la sekvoj de la malkovro de Ameriko estis la alporto al la vivo de la homo de multnombraj diversaspecaj vegetaĵoj. Unue, al la hispanoj; poste, al plej diversaj gentoj sur nia tuta planedo. Estas ja vere malfacila imagi nuntempe, kiel ni, la nuna homo, povus prepari grandparte de nia ĉiutaga nutro, ekzemple sen terpomoj, samkiel okazis laŭlonge de pluraj jarcentoj antaŭ la malkovro de Ameriko.

Kaj kune kun la terpomoj venis la tomato, maizo, sunfloro, kakao, fazeoloj, ktp., se citi nur la plej konatajn specojn uzatajn en niaj menuoj. Apud tiuj vegetaĵoj venis ankaŭ aliaj sufiĉe interesaj sub vidpunkto medicina, ornama, arbara, ktp. Fakte, estis aŭtenta ekologia kaj kultura revolucio, kiu iamaniere ligas nin, la neamerikanojn, al la etika devo esprimi al tiu Nova Kontinento nian dankon okaze de la kvincenta datreveno de la malkovro de Ameriko. Post tiu evento nenio estis egala por la homo en la mondo.

Substrekinte la fakton, ke la malkovro de Ameriko estas soleninda evento ne de unu sola popolo, sed afero de la tuta homaro kaj pro diversaj motivoj, inter kiuj ne estas la lastaj la alportoj ekologia, nutra kaj vegetala de Ameriko al la aliaj kontinentoj, ni eniru en la temon laŭdante la trafan decidon de la organizantoj de la Universala Ekspozicio-92 de Seviljo, ĉar en ĝia marko ili starigis paradizan lokon: la Amerikan Gardenon.

Tiu Gardeno kontribuos al la efektiva konatiĝo kun la vera origino de multnombraj vegetalaj specoj, kiuj integriĝis antaŭ longe al nia medio, kaj kiujn plejofte ni konsideris niaj propraj, kvankam reale ili estas amerikdevenaj. Kaj ni tuj indiku, ke tiuj ekzotaj specoj venis tuj post la malkovro de Ameriko, unue al Seviljo. Poste ili disvastiĝis tra

Eúropo kaj aliaj kontinentoj. La riverhaveno de Seviljo havas longan tradicion kiel ricevanto de produktoj de la Nova Mondo (inkluzive de flaúro), do la starigo de tiu Amerika Gardeno en la andaluza ĉefurbo okaze de la Universala Ekspo-92 ne estas ja hazardo sed trafa elekto laú vidpunkto historia. Tamen, tiuj meritoj ne sufiĉis por ke la urbo posedu botanikan ĝardenon.

La Amerika Gardeno konsistas el 700 specoj, grandparte el ili (ĉirkaú 400) donacitaj de registaroj kaj universitatoj, venintaj ĉi tien pere de la programo "Radikoj". Nur Kubo alportis 200 specojn. La menciita ĝardeno prezentas sufiĉe ampleksan panoramon de la amerika flaúro, el kiu estas reprezentataj specoj de dezertaj areoj, same kiel aliaj de tropikaj kaj akvoplantaj regionoj. Fakte, oni pretigis naú diversajn apartajn lokojn kun ties koncerna klimato: kaktoj, palmoj, koniferoj, floroj, grimpoplantoj, hortoplantoj, enakvoplantoj, tropikplantoj kaj industriplantoj.

Por amantoj de kuriozaĵoj ni diru, ke tiu Amerika Gardeno kostis pli ol unu milionon da dolaroj, kaj citindas, ke en ĝi estas reprezentata ankaú la kokao. Por eviti, ke ekzempleroj el tiu daúrfolia multnaska arbedo eskapos kaj invados la riveron (kio estus grava ekologia katastrofo), la akvoeliro de la baseno estas rigore kontrolata kaj purige zorge filtrata.

Ciuj niaj legantoj sendube bone komprenis la gravecon de la Amerika Gardeno, sub vidpunkto botanika, historia, kultura kaj ekologia, kiu meritas esti zorge vizitata kaj atente studata, precipe ĉar, verŝajne, ĝis nun oni ne certigis ankoraú ĝian postvivadon post la fermo de la Ekspozicio. Neniu institucio deklaris sian decidon pri eventuala ekonomia subteno de tiu valora kreaĵo. La popolo de Seviljo ne devas toleri la malaperon de tiu paradiza loko, kiu, krom amerika ĝardeno, povus esti ankaú la estonta botanika ĝardeno bezonata de l'urbo.

Mi invitas ĉiujn amantojn de plantoj, tiom da homoj kiuj nun faris el la ekologio sian vivocelon, adresi amason da leteroj al la Urbodomo de Seviljo petante de tiu institucio la protekton de tiu kreaĵo starigita en la insulo "La Cartuja" de la ĉiam sorĉa Seviljo. Oni povas adresi la leterojn al: Excmo. Ayuntamiento de SEVILLA. Antaúdankon! Tiu bela oazo de plantoj en Seviljo meritas pluvivadon!

A.M.B.



# La virina poezio en Al-Andalus

Unu el la elementoj plej diferencigaj dum la mezepoko en la al-andalusa socio, kompare kun tiuj pure muzulmanaj, estis la virino.

Pluraj jarcentoj da araba edukado, la kunvivado kun viroj edukitaj en la religio, strikta obeemo al antikvaj moroj kaj la plej rigida vivsistemo de la muzulmanoj, tradicie destinita al la virino, tute ne sufiĉis por forigi de la al-andalusa virino la sendependeman spiriton, certajn ecojn de la individuisma personeco proprajn al la hispanino.

Retrospektiva rigardo al tiuj mezepokaj socioj kaj atenta studprofundiĝo en la kutimojn kaj konduton de la tiama virino, ne lasas eĉ minimuman dubon pri la karaktero diferenciga de la al-andalusa virino rilate la ceterajn de la muzulmana mondo.

A.F.Schack, eminenta verkisto pri arabaj temoj, trafe opiniis: "La situacio de la virinoj en Al-Andalus estis pli libera ol tiu en la ceteraj diversaj muzulmanaj landoj. Ili intervenis en ĉiujn kulturajn aktivaĵojn de la tiama socia vivo, kaj ne estis malalta la nombro da virinoj, kiuj atingis famon en la plenumo de intelektaj taskoj. Ofte ili disputis kun la viroj pri poeziaj laŭroj. Tiel alta civilizacia nivelo kaj konduto estis la vera kaŭzo de la respekto kaj estimo, kiujn ili ricevis en Al-Andalus, evidente neniam atingitaj de la ceteraj virinoj en aliaj muzulmanaj landoj"(*).

Ankaŭ aliaj fakaj eminentuloj opiniis pri tiu ĉi temo, kaj sendube ne mankas opinioj por plej diversaj gustoj, eĉ oni ne ŝparis fari komparojn kun kazoj pli-malpli similaj laŭlonge de la historio. D-ro Sawqi Dayf, eble dezirante emfazi la figuron de la al-andalusa virino, indikas: "ke la nobelaj virinoj de Al-Andalus ludis en la tiama beletro rolon similan, en certaj aspektoj, al tiu de la franca virino en la franca literaturo dum la XVII -a kaj XVIII-a jarcentoj".

Mia modesta opinio tute ne akordas kun tiu de ĉi elstara arabisto. Eble ekzistas certa simileco en la konkreta kazo de la princino Wallada, kaj, en kelkaj aspektoj, ankaŭ en difinitaj sintenoj de kelkaj princinoj dum la periodo de la tajforegnoj, sed, fakte, apenaŭ ekzistas elementoj kompareblaj inter la poeziaj roloj de la al-andalusaj virinoj kaj la francaj:

la epoko, la socistrukturo, la edukado, la karaktero kaj origino de ambaŭ beletraj movadoj tute malsimilas, same kiel diferenca estis la arketipo de ambaŭ virinoj. Poste, oni povos konstati per ekzemploj la unikecon de nia nun studata virino.

Fakte, mi konsideras aparte substrekinda la pozitivan evoluon de la al-andalusa virino kaj ŝian influon sur la liriko, unue kiel subjekto pasiva vekanta en la poeto la inspiron pri spirita poezia amo, cetere kiel poetino kapabla esprimi la plej delikatajn sentojn aŭ erotikajn impulsojn kiel homino. La apero de la virino en la lirika scenejo de Al-Andalus akiras gravan reliefon en la komenco de la XI-a jc. La priskribo de tiu socia fenomeno, en analizo de la arabisto Henri Pères, jenas: "Dum la XI-a jc. la virino pretigas sin okupi elstarajn postenojn en la socio. La ekflorado de ama poezio, kiu faras el ŝi idealigitan estaĵon, pruvas, ke, eĉ iom ŝirmita de ĵaluzioj, sed ĝuante relativan liberecon, la al-andalusa virino sin sentas preskaŭ samnivela kiel la viro kaj, tial, depostulas,kiel li,la vivorajton(**).

La plej fama el ĉiuj al-andalusaj poetinoj estis Wallada bint al-Mustakfi, naskiĝinta en Kordovo en la jaro 994. Filino de la umaja kalifo Mustakfi, ŝi ricevis rafinitan edukadon kaj, ankoraŭ tre juna, jam ekverkis siajn unuajn poemojn. En la verko al-Dajira (La splenda trezoro), araba teksto publikigita de M.Ben Cheneb (Alĝero 1339), oni povas legi:

"Sia salono estis la kunvenejo de la nobeloj de Al-Andalus, kaj ŝia palackorto, prefera loko por lasi galopi la fantaziajn ĉevalojn de la poezio kaj de la bela prozo, samkiel adekvata ejo por elmontri la belecon de la ŝika eleganteco de la vestaĵoj. Car ŝi ne estis prudema kaj tute ne kaŝis siajn pasiojn, tre ofte oni kritikis ŝin. Kelkaj verkistoj asertas, ke ŝi estis malmorala kaj diboĉema, sed, kiel ofte okazas en ĉi tiuj kazoj, tiaj opinioj estis frukto de malbonvolemo kaj envio. Cetere, koincidis tiu vivoperiodo de Al-Andalus kun unu el la momentoj, dum kiuj la virinoj de nia lando ĝuis plej grandan liberon, kiel eblas percepti per la poemoj kaj rakontoj pri tiu epoko, kiujn oni povas legi. Kaj sendube ne ĉiuj viroj plaĉe akceptis tiun progresemon de la virinoj, precipe pro religiaj kaj tradiciaj antaŭjuĝoj, kaj ankaŭ, kiel en tiu ĉi kazo, ĉar la princino ne estis tiel diskreta,kiel oni postulis de ŝi pro ŝia nobela deveno".

La princino Wallada famiĝis ankaŭ pro siaj amaj rilatoj kun Ibn Zaydün, unu el la vere zenitaj poetoj de la liriko en Al-Andalus, kiun ŝi elektis inter plejado da svatiĝantoj. Kun emocio ŝi dediĉis al li ĉi tiun poemeton:

Mian venon li atendas,
kiam vesperhor' griziĝas,
ja la nokto kaŝas ĉion,

eĉ sekretojn plej intimajn.
Vin kun mi ligadas io
kun la sun' ne koincida,
ĉar, se helus nia amo,
certe brilus sun' neniam!
Same pri la lun' okazus
kaj pri steloj blanke brilaj:
ne aperus sorĉa luno
nek la steloj lum-scintilaj...

Al la kritiko de murmurantoj pri ŝiaj diboĉemo kaj ekscesa inklino al la plezuroj, ŝi respondis per fieraj versoj, kiel ĉi tiuj:

Antaŭ Di, solenoplena, ĵuras mi sen et-eraro
ke mi indas je l' respekto kaj estimo de l' altaĵoj.
Tra la viv' mi dece iras kun dignec' kaj alta kapo,
nur l' amantojn mi permesas tuŝi mian fajnan vangon.
Mi akceptas nur de viroj kisojn kun sincera amo,
mi ja ne komprenas vivon sen volupta ĝu-ekzalto.

La mallonga spaco disponebla en nia revuo, nur tiu de simpla artikolo, tute ne ebligas min, nek plilongigi mian komentarion kaj reprodukton de poemoj de Wallada, nek citi aliajn eminentajn al-andalusajn poetinojn de la epoko kaj ties poemojn(***). Tamen mi konsideras oportuna mencii poetinon de alia socia klaso: la sklava. Virinoj amantaj la poezion sen la rafinita edukado de la liberaj-nobelaj. Pli spontanaj, ĉiam improvizemaj kaj talentaj. Kiel ekzemplon ni citu unu el ili: Rumaykiyya. La anekdoto rakontanta, kiel tiu ĉi virino atingis sian feliĉon per la poezio, estas sufiĉe interesa: "La filo de la reĝo de la Sevilja tajforegno, Mutamid,promenis certan tagon kun la eminenta poeto Ibn Amar apud rivero Gvadalkiviro. Plaĉis al la princo ludi improvizante versojn: li proponis unu, kaj lia amiko Amar devis respondi per alia kun la koncerna rimo. Mutamid ekvidis brizon ondiganta la riverakvon kaj recitis:

" La riveron briz' konvertas en fermaŝan kuton brilan"...

Ibn Amar hezitis, ne trovis tujan respondon per alia verso kun adekvata rimo, tiam popolknabino hazarde promenanta apud ili, aldonis:

"Kut' pli bona ne troveblas, se glacio ĝin geligas"...

Aŭskultante la knabinon improvizi pli rapide ol la propra Ibn Amar, la princo mirigite, rigardis ŝin kaj restis profunde impresita de ŝia beleco. Mutamid vokis sian akompanantan eŭnukon kaj ordonis lin inviti la knabinon sin prezen-ti antaŭ li en lia palaco. Kiam tio okazis la princo volis scii ion pri ŝi: -Mia nomo estas Itimad- respondis la junulino-, sed ordinare oni nomas min Rumaykiyya, ĉar mi estas sklava de Rumayq. -Diru al mi, ĉu vi jam edziniĝis?-

Demandis ŝin la princo.
-Ne, moŝta princo- Si respondis.
-Des pli bone, ĉar mi volas aĉeti vin kaj edziĝi kun vi.

Mutamid amis Rumaykiyya dum sia tuta vivo kun amo konstanta kaj fidela; ŝi verkis belajn poemojn, kaj ankaŭ ŝia filino Butayna estis sufiĉe bona poetino.

Antonio Marco Botella

(*) A.F.Schack, aŭtoro de la verko "Poezio kaj arto de la araboj en Hispanio kaj Sicilio".
(**)"Brilo en Al-Andalus", verkita de Henri Pères.
(***) Tiu ĉi artikolo estas resumo de 20-paĝa eseo verkita ankaŭ de mi mem.

**********

## Administra angulo

Ni atentigas al niaj membroj ankoraŭ ne pagintaj la jarkotizon kaj ankaŭ al niaj abonantoj, ke ni ne plu sendos al ili nian revuon se ili ne efektivigas tuj la koncernan pagon. La lastaj pagintoj al nia Redaktejo estis jenaj abonantoj:

| | | |
|---|---|---|
| D-ro | José Olavide . . . . . . . . | 800 Ptoj. |
| K-do | José Vidaller . . . . . . | 1.500, " |
| " | Enrique Navarro . . . . . | 1.000, " |
| " | Emilio Pérez . . . . . . . | 800, " |
| " | Esperantista Societo ESTO | 800, " |
| " | Miguel Gutiérrez Adúriz | 800, " |
| " | Kantabra Esperanto-Asocio | 800, " |
| " | Victor Ortiz Gratal. . . . | 1.000, " |
| " | Enrique Piquero. . . . . . | 1.000, " |
| | SUMAS | 8.500 |

La pagoj de jarkotizoj devas esti nepre faritaj al nia Kasisto Ramon Manau Torres; Montseny, 5. piso. 08208-SABADELL (Barcelona) Hispanio.

La prezo de la jarabono restas ankoraŭ la sama kiel antaŭe, t.e. 800 Ptoj. kaj estas pageblaj same al la Kasisto kiel al la Redaktejo. Dankon!

